# PENSEO

*N-ro 119*
*Sep./2001*

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990;Enretigita en 1997 **www.anteo.domainvalet.com**




## Oksigen-Produktaj Ĉeloj

**Sun Xiaoya**

Vere bela estas la vestaĵo tajloritan el platana ŝelo, kiun mi aĉetis post kiam mi multe profitis de la negoco kun tiuj malsaĝaj loĝantoj de Boti-planeto pri liganaj metiartaĵoj faritaj de mi mem.

Kiam mi, zumante, prove surportis mian novan vestaĵon, bonega novaĵon preskaŭ ridigis min ĝismorte. Aŭskultu tio, kion diris la anoncistino envolvita en vestaĵo el kapoka ŝelo, "Je dudek kvar minutoj ppost la sepa, Kosmonaŭtika Buroo jam gainis kontakton kun Heliqi-planetanoj en Lat-9-a Kosmo. Ili havas grandan intereson pri niaj lignaj metiartaĵoj. Bonŝanco por granda profito! Grandaj teranoj, ne perdu la bonŝancon!"

Vere inspira novaĵo! Forĵetinte mian novan vestaĵon, mi prenis lingo-rompan ŝprucigilon kaj kuris, sen reteni mian paciencon, en la arbaron malantaŭ mia domo. Ŝŝ! Ŝpruciĝis nubo da lingo-rompa pulvoro. Kvin arbegoj falis, kaj mi tirigis ilin en mian laborejon. Ĉu vi scias, kial mi volas tiujn rondajn lignojn? Ĉar ili estas profitdonaj! Ekde 2030-a jaro, la estaĵoj el aliaj planedoj, kiuj ekhavis kontakton kun ni teranoj, senescepte multe interesiĝis pri niaj lignaj metiartaĵoj. Simpla estas la kialo, ĉar lignoj produktiĝas nurnure sur la Tero. Ali-planedanoj volis aĉeti malnovan plumujo el lingo eĉ per altega prezo: 5000 unuoj de la valuto de la Tero. Do, ni komencis plene utiligi niajn riĉfontojn. Ĉiuj vivas de vendado de lignaj metiartaĵoj al ali-planedanoj. Pro tio, nemalmultaj teranoj riĉiĝis. Por pli bone konatigi la lignajn metiartaĵojn de la Tero, la registaro, krom publikigo de afiŝoj en televidaj programoj de Inter-planeda Televid-stacio, kondiĉas, ke teranoj devu surhavi vestaĵojn faritajn el lingo por altiri ali-planedanojn.

Post kelkaj tagoj, la lignaj metiartaĵoj, kiujn mi fabrikis, gajnis el la manoj de Heliqi-planedanoj multon da monbiletoj. Tio estas ja profitdona afero! Mi vere dankas niajn prapatrojn pro ties bona heredaĵo – arboj.

Pro senĉesa plimultiĝo de turistoj el aliaj planedoj, la arboj malantaŭ mia domo jam elĉerpiĝis. Do mi disponigis al mi per kontrakto multajn arbojn sur alia monto. Sed dum tiu tempdaŭro, mi ne fartis bone kaj mi ofte sentis malkomfortecon en pulmo. Krome, naturo staris kontraŭ ni: daŭra malboniĝo de la aera kvalito, plua serioziĝo de grunda erozio kaj oftaj atakoj de pluvaj ŝtormoj. Pri tio, kaj aŭtoritatuloj kaj ordinaraj popolanoj ne povis trovi la kialon.

Tre baldaŭ la arboj sur la Tero jam elĉerpiĝis. Sen arboj ne produktiĝis lignaj metiartaĵoj, kaj sen lignaj metiartaĵoj la teranoj ne havis rimedojn por vivteni sin. La Tero, kie regis paco kaj trankvilo, abrupte falis en kaoson. Senbridaj uraganoj kaj diluvo rapide devoirs multajn regionojn kaj ĵetis teranojn en panikon de morto…

"Hej, frato," diris la Tero, kiu per sia diketa travidebla anteno tuŝis Marson, "Mia kapo iomete doloras."

"Mi akompanu vin al Kosma Hospitalo por ekzameno."

…

"Frato Marso, kio estas la rezulto de la ekzameno?" demandis la Tero, kiu ĵus eliris el la ekzamenĉambro.

"Libera de zorgoj. Nenio grava okazis. Nur pro tio, ke mortis ĉiuj verdaj oksigen-produktaj ĉeloj sur la maldekstra parto de via cerbo, vi sin trovas en malforta manko de oksigeno." Marso ridete diris, "Jen estas via preskribo."

Nur kelkaj vortoj skribiĝis sur ĝi: planti aron da arboj.

elĉinigis **Hongjia**

## EL《LAŬZI》



### ĈAPITRO 29

(Tiu ĉi ĉapitro montras la politikan penson de Laŭzi pri "senagado". Li opinias, ke la homa penado signifas preskaŭ nenion antaŭ la objektiva mondo, kaj tial la homo havas neniun alian elekton krom lasi la

aferojn sekvi sian naturan vojon de disvolviĝo kaj sekve devas fari nenion, kio estas super lia povo, nek preni ekstremajn rimedojn.)

Tiu, kiu deziras ekregi la mondon kaj atingi iajn rezultojn,
Laŭ mi certe ne sukcesos.
La homa mondo, kiu estas io sankta,
Ja ne povas esti arbitre traktata.
Tiu, kiu arbitras al ĝi, ĝin detruas;
Tiu, kiu penas ĝin teni, ĝin perdas.
Tial el ĉiuj estaĵoj de la mondo
Iuj iras antaŭe dum aliaj sekvas,
Iuj varme spiras dum aliaj malvarme blovas,
Iuj estas fortaj dum aliaj estas malfortaj,
Iuj estas sekuraj dum aliaj estas en danĝero.
Tial la Saĝulo evitas la ekstremecon, la troecon kaj la ekscesecon.

### ĈAPITRO 30

(Tiu ĉi ĉapitro montras la kontraŭmilitan penson de Laŭzi. Laŭ li, la milito estas detrua kaj kruela, sekve ĉiel evitenda, kaj tial, se minacate de atako oni estas devigita fari militon, oni tiam devas singarde trakti ĝin kaj ĉesigi ĝin tuj post gajno de la batalo. Plie, oni ankaŭ ne devas paradi per forto, nek aroganti pro sia venko, ĉar la milito ja estas farita malgraŭvole.)

Tiu, kiu helpas la reganton en la maniero de la Taŭo,
Konsilas al li regi la mondon ne per forto.
La uzo de forto baldaŭ ricevas repagon:
Tie, kie la armeoj restis, abunde kreskas dornaj arbetaĵoj,
Kaj grandaj militoj estas ĉiam sekvataj de malsategoj.
Tial la saĝa generalo kontentigas sin per sia unua sukceso kaj ĉesas,
Ne kuraĝante plu ekspluati sian venkon.
Atinginte sukceson, li ne fanfaronas pri ĝi,
Atinginte sukceson, li ne sin gloras per ĝi,
Atinginte sukceson, li ne arogantas pro ĝi,
Atinginte sukceson, li prenas ĝin kiel ion faritan malgraŭvole,
Atinginte sukceson, li ne paradas per sia forto.
La estaĵoj, atinginte sian plejfortecon, devas kreski maljunaj[1],
Kio estas kontraŭ la Taŭo.
Kaj ĉio, kio estas kontraŭ la Taŭo, senescepte iras al sia baldaŭa pereo.

[1] Tial, laŭ Laŭzi, oni preferu esti en malforteco kaj moleco.

## POEMOJ DE LOTUS-FLOROJ

POEMOJ DE LOTUS-FLOROJ

verkitaj de Lu Jixin

### VEKIĜO DE LOTUS-LAGO

Aŭroro tenera,
Zefiro leĝera,
La lago kvieta vekiĝas oscede.

Jen folioj vervaj,
Ĉu okuloj verdaj,
Al tero ĝentile salutas poete.

Vivama favoro,
Lotusa ruĝfloro,
La sunon matenan flamigas impete.



### JEN AL VI

Vizaĝon kun vervo,
Aromon el verso,
Dediĉi jen al vi!
Rideton karminan,
Kristalon animan,
Dediĉi jen al vi!

Honteman gracion,
Tre freŝan pacion,
Dediĉi jen al vi!

Koreton amplena,
fervoron sinceran,
Dediĉi jen al vi!

## HAZARDE RENKONTIĜO

A; Duone mi nergigas
sub la akvo,
Duone malnerigas
sopiri l' ĉielon,
---Mi estas boato.

B: Mi radikas en ŝlimo
sub la akvo,
Kapo-levas el ŝlimo
sopiri l' ĉielon

. ---Mi estas lotuso.

## SOMERA LOTUSFLORO

Lage, ombras nigra verdo,
Naĝas nubo kun leĝer' do.

Sur la nubo vi aperas
Honte kaj diskrete helas.

Rond-folien bela volo
Perlas kristale el koro.

Inter perloj vi kvietas
En somera sonĝ' ridetas.

## LOTUSFLORO EL MARĈO

Blankfloro el nigro de marĉo,
Meditas sub matena varmo,
Kun virga animo sen pulvo,
Kun kortuŝa kvieta ĉarmo.

## MATENE

En rondela vendo milda
Jen knabina jupo flirta
versas maten-rughan lumon,
Lagan sonĝon, kaj koloras.
lotusfloroj bonodoras.
Novespero super brumon.

## ANIMO DE LOTUSFLORO



kiom da petaloj de novlun'
Vi jam plektis el ĉielo nun?
Honte etendiĝas virga blank',
Rid' gracias sub matena sun'.

## RAKONTETO DE LAGO LOTUSA

Lagon verdiginte, zefiro tenera
Senbure embuskis sur akvo somera
enkaptis figuron de suno falanta,
kolektis rondaĵon de luno levanta.

Trempite en nokto plena de pluvetoj
la suno kaj luno fariĝas verdaj pladoj
freŝeme ekflosi sur akvo susura
subteni someron de lago lotusa.

Sed luna animo neniel ŝanghebla
elakviĝas kiel lotusa blankfloro.
kaj suna animo neniel ŝanĝebla
arde flamas kiel lotosa ruĝfloro.



Bai Juyi (772 - 846)

## ĜOJO PRI OLDAĜO

Hodiaŭ en spegulo klara
griziĝis miaj barb' kaj haroj.
Mi jam en jaro sesdek-kvara,
ĉu mankas senilaj amaroj ?

Prencoj pri mia oldiĝo
bedaŭras kaj suspire ĝemas.
Sed mi ridetas en feliĉo.
Kiu do vere min komprenas ?

Mi drinkas vinon post rideto,
barbpalpe, sentante kontenton.
Sidiĝu do vi en kvieto,
aŭskultu mian argumenton !

Se vivo estus ne ĝojinda,
kial prenu oldon domaĝa ?
Se vivo estus jes ĝojinda,
Multon jam vivis mi oldaĝa.

Sen oldiĝ' venas frua morto,
sen frua mort' – kaduk' lamenta.
Preferu kadukon al morto,
tio estas ver' evidenta.

Cirkulas kaj antikva diro:

Sepdekjaraĝa estas rara.
Al mi, sesdekkvarjara viro,
eble favoros sorto kara,

ke mi la aĝlimon transvivu,
mi ne envios gloron vantan.
Do ĝoju, anim' ne pasivu,
drinku ankoraŭ tason grandan !

elĉinigis **Guozhu**

# TRI POEMOJ DE DU FU

## Lamentado pri la Batalo de Chentao

Fruvintre l' sango de la bonaj filoj el dek lokoj
enfluis en kotaĵon de Chentao-distrikt' senpage.
Spitante la ĉielon klaran kaj sen batalvokoj,
kvar dekmil militistoj sin oferis ja samtage.
Forlavis ribelantoj sangon el armiloj glore,
kantante kaj drinkante sate tra la urbaj stratoj .
Sin turnas norden loĝantar' de Chang'an, singult-plore,
sopire arde al alven' de reĝaj la soldatoj.

## La Malsana Ĉevalo

Mi longtempe rajdas vin kun fido,
Nun ĉe landolim' tra vintra frido.
Vian forton suĉis vojaĝpuno,
Paras vin malsano kaj maljuno.
ordinara vi ĉevalo estas,
Kaj fidela , vi cedema restas.
Nura brut', jes, kun humoro pia,
Indas je odad'mia emocia.

eĉinigis **Vejdo**

# Ĉinaj Fabloj

## Kokino kaj Kato

**Fan Fajia**

Tenante la ovon de si ĵus lasitan, Kokino iris al Kato kaj fiere klukis, "Nu, ĉu vi scias? Mi kapablas lasi ovojn. Kiel granda ovo! Tio estas la kontribuon de mi faritan al la homaro. Kian kapablon vi havas? Tio, kion vi povas fari, estas miaŭi, miaŭi tuttge. Brue miaŭi!"

Kato trovis tion ridinda, sed li trankvilkore diris al Kokino, "Jes, vi povas lasi ovojn, sed mi ne. Tamen mi kapablas helpi homaron kapti damnindajn ratojn, sed vi ne povas, ĉu?"

tradukis **Yu Li**

## *Generalo kaj Pulo*

Kiel impona generalo, li neniel konscias, ke pulo sin kaŝis en lia batalrobo.

Generalo, batallerta, gvidkapabla kaj nevenkebla, ĝuas grandan respekton de ordinaraj popolanoj.

Pulo fiere diras, "Mi batalas kune kun Generalo tie kaj tie. Se mi havas tian grandan meriton, mi devas almenaŭ gajni gloron pro mia peno. Ĉu mi ne povas esti respektata? Yes, Generalo estas heroo. Tamen mi kuraĝas piki lin kaj suĉi lian sangon. Por honeste diri, mi estas pli granda hero ol li!"

Unutage, kiam soldato ordigas la batalrobo de Generalo, li trovis Pulon kaj pinĉ-mortigis ĝin.

elĉinigis **Lao San**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Adreso: s-anino Harpina WU
Poŝtkesto 136, Jichang-xi,
Guangzhou, Ĉinio, CN-510403
E-poŝto: harpina@21cn.com
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
…………..
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato,
Shantou Universitato,
Guangdong 515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: wyd168@21cn.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_